# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 03/01/2019 Kvarcentsepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 771,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **360,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **310,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **101,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

### N.ro 49 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








En $$ 214-218 PAG priskribas la diversajn specojn de Propozicio (= *sentence*), la Indikaj (“Mi ja estas pli scianta ol ŝi”), la Deziraj (“Se ankoraŭ vivus mia patrino!”); la Ordonaj (“bonestu!”); kaj la Demandaj (“Kie estas la urbdomo?”). Speco de Indika estas la Ekkria Propozicio (“Ci mensogas!”). Dubon oni esprimas per adverboj: eble, miopinie; verŝajne; iel; kvazaŭ; aŭ per intermetita “ŝajnas”. Se demando trafas du demandojn de la sama propozicio, pli klara estas esprimi la demandon per du apartaj propozicioj. Anstataŭ “Kiu kiun mortigis?” oni prefere diru “Kiu mortigis, kaj kiun?”. Akcenti demandon oni povas per “nu” aŭ “do”: “Kion do vi faras?” kaj “Nu, kial ci silentas?”. Kaj jen demando en formo de indiko kun posta demando: “Li foriris,ĉu ne?”, kaj “Li ne foriris, ĉu?”. Jen nea demando atendanta jesan respondon: “Ĉu li ne estas simila al sia frato?”.



*Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 5a de januaro estos la unua sabato. Venu al la Manlia grupo. *Roger Springer*





## Novaj membroj de UEA: kiel aliri kaj elŝuti la revuon

Por 2019 alvenos membroj en la nova kategorio 'baza membro (MB). Homoj en tiu kategorio ricevas la revuojn rete. Sekve, ili praktike devas sendi al la CO en la aliĝilo validan retadreson. Al tiu retadreso venos informo, kiam nova numero de revuo *Esperanto* estas legebla kaj elŝutebla.



https://uea.org/alighoj/kotiztabelo Informis *Katja Steele*



Kara Roger,

unue mi volas deziri al ĉiuj E-amikoj en Aŭstralio benitan kristfeston kaj plej bonan starton al nova jaro, kiu ja kutime pli frue okazos ol en Europo!

### Mia respondo celas al la noto pri birdoj.

Ĉiam mi pritaksis Esperanton kiel normigon en la lingvouzado.

Des pli mi nun miras, ke oni eĉ ne emas apliki la Internacian Kodon de Zoologia Nomenklaturo (https://eo.wikipedia.org/wiki/Internacia_Kodo_de_Zoologia_Nomenklaturo).

Se la unuigita reĝlando UK revenos al la ne normita sistemo de unuoj, do for de metro kaj kilogramo, mi ne miros.

Sed ke Esperantistoj toleras tion, tio iom mirigas min (milde dirite).

Kial mi skribas tiom drastajn vortojn?

Nu, la terminologio ja unue kaj precipe koncernas la sciencistojn, kaj se eĉ ili ne celas uzadi iun normigon (kiu ja ekzistas en la ekster-Esperanta mondo), kion do oni pensu pri ilies mensokapablo?

Pripenseme, sed ne ofende, okaze de la kristfesto,

salutas amike, Utho. *Utho Maier* Germanujo





# Festaj Jarŝanĝiĝtagoj en mia ĝardeno.



**DATREVENOJ ? BAH !**

Ni ĵus pasis la Kristnaskiĝtagojn. Ĉu ni pasis la Kristnaskiĝdatrevenon ? Kompreneble ne ! "Dato" estas unu tempoloko en la mondo, en la universo, kaj povas okazi nur unufoje. Do ĝi ne povas reveni. Ĝi ja enhavas la jaron, kaj tiu jaro ne povas reveni. La "dato" de mia naskiĝtago estas la kvara de Decembro de la jaro 1917, do la 338.a tago de la jaro 1917. Tiu dato neniam povos reveni, do la vorto "datreveno" estas neebla idiotaĵo. Ĉu oni intence diras idiotaĵojn? Mi ne kredas tion, do oni simple kaj sklave imitas subkonscie aliies

eraron. Tio ne estas tre klera. Por diri la veron kaj por ne diri sensencaĵojn, oni devas daŭre kontroli sian lingvouzon kaj la lingvouzon de aliuloj. Ne fari tion estus same neklera kiel diri ke oni iras al unuseksa hartondisto kiu tondumas ambaŭ seksojn. Mi ne konas la nomon de tiu, cetere ne tre klera, Esperantisto kiu unue kreis la idiotaĵon ("oximoron") "datreveno", kiu dato ja ne povas reveni. Verŝajne ŝi/li volis krei vorton kiu tute malsamas al la ĝusta vorto "naskiĝtago" de la ĝermanaj lingvoj, tiel poluciante Esperanton. Ĉar la vorto "naskiĝtago", kiu estas mallongigo de "jarnaskiĝtago", diras perfekte kion oni volas, nome la (en mia kazo la 338.a) tago de la naskiĝo en la jaro. Neniel temas pri "datreveno", sed pri reveno de la ioma tago en la (ĉiu) jaro. Ni do ne ridindigu Esperanton uzante la idiotaĵon "datreveno". Same logike kiel en ĉi tiu kazo uzas la angla (*birthday*), la germana (*Geburtstag*) , la nederlanda (*verjaardag* = ĉiujara certa tago"), kaj en aliaj lingvoj. Ĉu malfacilas pensi logike?

*Marcel Leereveld.*

**LOGIKO AŬ NE ?**

Kvankam oni atendas, ke la homo pensas logike, mi supozas ke tio koncernas nur la klarigon ante al la ĉirkaŭanta mondo, ne la sentojn kiel la amon kaj la gustojn. Ĉu la legantoj samopinias? *M. L.*

**MIA MALSANEJUMADO .**

Dankon al Trevor kaj aliaj pro iliaj sanbondeziroj. Mi estis en la malsanejo dum du semajnoj. Mi samtage ricevis eksplodetojn de angoro kaj de gripo. Post du tagoj oni trovis, ke mi havis gripon kiu kapablas mortigi la malsanulon kaj kiu estis transigebla. Tial oni metis min tuj en neenirrajtan ĉambron, por ke la malsano ne disiĝu tra la malsanejo, kaj ekstere. Post kelkaj pliaj tagoj oni sukcesis haltigi la angoron kaj subpremi la gripon. Mi injektatis jam antaŭ pluraj monatoj kontraŭ la gripo, sed ĝi tamen frapis min. La kuracistoj diris ke se mi ne estus injektita antaŭe, la gripo tre verŝajne estus mortiginta min. La traktado malfacilis ĉar ambaŭ malsanoj intermiksiĝis. Dum kelkaj noktoj mi multe suferis kaj deziris memmortigi min (mi ne ŝercas), sed mankis en la malsanejo akraj tranĉiloj. La sufero ne estis pro doloro, sed pro la daŭra sento, kaj eble nur la sento, ke mi ne kapablis spiri, aŭ ke iu sufokis min, kaj mi daŭre devis batali por spiri, kaj do ne povis dormi. La kuracistoj ne zorgis pri tio, ĉar ili sciis ke tio daŭros nur kelkajn tagojn kaj noktojn sendormajn. Post semajno mi estis pli-malpli normala (se mi iam estis!). Nun, ekster la malsanejo, mi tamen de tempo al tempo ektimas refali en tiun sufokadon. *Marcel Leereveld .*

**TONLINGVO AŬ NE ?**

La eŭropanoj pensas, ke iliaj lingvoj ne estas tonlingvoj, kiaj la ĉina kaj la vjetnama. En tiuj postaj lingvoj unu vorto havas tri (aŭ pli da) malsamajn signifojn laŭ la malsama tono uzata. Konsekvence ili havas nur trionon da parolataj vortoj en sia lingvo ol eŭropaj lingvoj. Sed la angla havas unu kazon kie unu vorto havas du malsamajn signifojn laŭ la du malsamaj tonoj uzataj. Ili estas la vortoj finiĝantaj en "*-ing*", kiuj povas esti AŬ verba adjektivo AŬ substantivo. Ekzemple en "*He is teaching*" "*teaching*" estas verba adjektivo (participo)

signifanta "en la procedo de fari la agon "instrui", dum en "*His teaching is awful*" la vorto "*teaching*" estas substantivo indikanta la specon de la ago "*teach*".

Observu la frazon "*Look at that swimming teacher*", kies du malsamaj signifoj estas **1e.** li estas instruisto kiu hazarde naĝas, do en la procedo de "naĝi", kaj **2e**. li estas instruisto pri la fako "naĝado", kaj kiu dum nia observado ne bezonas esti naĝanta. Do kiel scii la diferencon de signifo? La angla solvas tion uzante malsamajn tonojn por la du malsamaj signifoj: En la unua kazo, en kiu iu instruisto estas naĝanta, la angla lingvo havas pli altan tonon sur la vorton "*teacher*", dum en la dua kazo, kie temas pri instruisto pri naĝado, la tono de la frazo estas pli alta sur la vorton "*swimming*". Kaj tio okazas ĉe ĉiuj tiaj kazoj kie oni uzas "*-ing*"-finaĵan participon antaŭ substantivo ia ajn, ekz. "*He is a manipulating EXPERT* (pri io ajn)" kaj "*He is a MANIPULATING expert* (= spertulo pri manipulado)". Ankaŭ en : "*Come and meet that woodcarving LECTURER* ", kie ŝi lekciadas pri ekz. matematiko, kaj "*Come and meet that WOODCARVING lecturer*", kiu estas lekciisto pri lignoskulptado . Kaj "*I admire that racing HORSE*", kie ĉevalo hazarde kuras, kaj "*I admire that RACING horse*", kie temas pri speco de ĉevalo.

Cetere la angla lingvo ne bezonus uzi la du malsamajn tonojn, se ĝi nur strikte sekvus siajn aglutinajn regulojn: kunmeti ambaŭ radikojn por krei novan (kunmetitan) vorton: "*swimmingteacher*" kontraŭ "*swimming teacher*". Same kiel en la nederlanda "*Dat is een rennend PAARD*" Kaj "*Dat is een RENpaard*", en kiu lingvo oni krome kaj nenecese uzas la tondiferencon . *Marcel Leereveld.*

## ĈU KREDI AŬ ĈU NE KREDI ?

La kantisto José Carreras estis unu el la tri famaj tenoroj, kun Placido Domingo kaj Luciano Pavarotti. Dum la unua parto de sia vivo, ankaŭ kiel kantisto, li estis nekredisto, ateisto. Sed duonvoje li malsaniĝis per sangokancero, normale ne kuracebla. Sed ĉar li havis sufiĉe da mono, kuracistoj en Usono elsuĉis lian tutan malsanan sangon, anstataŭigante ĝin per sana sango. Mirakle tiu operacio sukcesis, kaj li ne plu havis la kanceron. Pro tiu sia sukceso li diris: "Nun ke la kuracistoj resanigis min mirakle, mi kredas en Dion". Ĉu tio signifas ke tiuj homoj kiuj ne havis la monon por sammaniere kuracati devas ne kredi en Dion? Ĉu dio estas por ĉiuj, aŭ nur por certa elito? Cetere mia patrino mortis sufiĉe juna pro la sama kancero. *Marcel Leereveld*.

## MODAJ HELPVERBOJ .

En Esperanto ekzistas du specoj de helpverboj: **1e.** La kelkaj veraj (modaj) helpverboj, kiuj pro sia funkcio devus esti sufiksoj al la ĉefverboj, kiel "Ili venpovis", kaj kiuj ne estas transitivaj. En la eŭropaj lingvoj ili estas apartaj (help)verboj, kaj do ankaŭ en Esperanto. Ekzistas nur sepo da ili: voli, povi, igi, rajti, devi, kuraĝi, kaj iĝi (apenaŭ tiel uzata). Karakterizaĵo ilia estas ke la tempo de la helpverbo estas la sama kiel la tempo de la ĉefverbo.

La aliaj helpverboj, multaj, estas nur okaze helpverboj: Ŝi deziris foriri morgaŭ; Ili provis transiri. Ili fariĝas helpverboj tuj kiam ili sekvatas de infinitivo. Gramatike la ĉefverbo plej ofte funkcias kiel Gramatika Objekto aŭ kiel Adjekta Prepozitivo: Ni trovis tuj HEJMIRI tro

malfacila; Ili pensis (pri) HEJMVENI morgaŭ . Ĉar la ĉefverboj estas nur frazpartoj, la helpverboj vere ne estas propraj helpverboj, nur okazaj. En etnaj lingvoj oni eĉ ne nomas ilin helpverboj.

La Esperantaj veraj helpverboj modaj estas preskaŭ la samaj en la etnaj lingvoj. Sed la tre ofte uzataj etnaj helpverboj HAVI, ESTI, IĜI, RESTI, ASPEKTI, FARIĜI, NOMIĜI, ne estas en Esperanto helpverboj; ili estas ordinaraj, kutime netransitivaj, plenaj verboj, plej ofte sen sekvanta infinitivo. Tio mistifikas plurajn verkistojn, kiuj tial faras erarojn. Ofte tiaj verboj ĉehavas predikativon. Do por lerni la helpverbojn en Esperanto, vi bezonas lerni nur la sep da ili. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Trigo Peng el Wuhan, Ĉinujo, sendis tiun saluton hodiaŭ. Erhard Claus

Karaj Geamikoj,

Jen 2 fotoj per kiuj mi salutas vin dum la festoj nome de la amikoj en Wuhan, Hubei.

Ni dezirus al vi sanon, feliĉon kaj rikoltojn en la nova jaro! via *Trigo PENG*






★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Vojaĝu tra Esperantujo!** **Kiam, Kie okazas**




**Esperanto-renkontiĝoj** http://www.eventoj.hu/kalendaro.htm 2018-2019-2020






Nia revueto estas senpaga kaj malfermita al ĉiuj, sed se vi sendos al ni vian retpoŝt-adreson ni sendos la revueton en la komenco de ĉiu monato al via leterkesto aŭtomate. Tiel ni scios la nombron de niaj legantoj kaj ni ankaŭ povos sendi anonc-mesaĝojn al la tuta grupo. https://esperantoturkiye.wordpress.com *Vasil Kadifeli*





## Feliĉan Novjaron al ĉiuj kaj longan sanan vivon

Amike *Roger Springer*



La sama homo sed je malsamaj aĝoj



## Kia sceno!



Antaŭ kelkaj tagoj mi vicis en la poŝtoficejo por akiri poŝtmarkojn: oni ja sendas multajn kartojn je ĉi tiu periodo. Restis unu virino antaŭ mi. Subite ŝi alproksimiĝis de la giĉeto kaj ekkverelis kun la alia virino staranta en la unua vico, kiu neatendite foriris kiel eble plej rapide. Intertempe mi jam atingis la proksiman ĝiĉeton kaj povis aŭdi la interparoladon inter la restanta virino kaj la deĵorantino. Laŭ mia kompreno, la foririnta virino provis akiri pakon je la nomo de la alia virino, sukcesis prezenti averton pri la alveno de la pako kaj la veturpermesilon de la alia virino. Tiu ĉi fariĝis ege ŝokita, tremis kaj demandis sin kion fari. Laŭdire ŝi mendis la varon per interreto. Ŝi ne povis kompreni kiel la foririnta virino povis akiri tiujn dokumentojn ŝiajn. La deĵorantino konsilis al ŝi plendi al policisto, aldonante ke ĉio estas registrita per sekureckamerao. Mi tre ŝatus scii kio estas en la pako kaj ĉu ĝi estas tiom valora. *Franciska Toubale* .





**3ZZZ** Ĉu vi intencas ĉeesti la Universalan Kongreson en 2019? En la elsendo de la 31a de decembro pli da informoj pri la kongresurbo, Lahtio, estas diskonigitaj, kaj en tiu periodo, kiam la tendenco estas manĝi pli ol kutime, konsiloj pri bona dieto por konservi bonan sanon helpos vin glate trapasi la festtagojn.



*Franciska Toubale*

| *Lernado de fremda lingvo postulas* | **Komparu Esperanton** |
|---|---|
| *Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ĝi ne agordiĝas kun la parolata lingvo..* | ..Fonetike senescepta |
| *Lernu la gramatikon. Ofte ĝi estas plena da esceptoj al la reguloj..............* | ..17senesceptaj reguloj |
| *Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo..........................................* | ..Kunmetitaj vortoj |
| *Lernu la standardan prononcon. Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..* | ..Unu prononco |
| *Lernu la lokan parolatan lingvon.........................................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu la ĉiutagon mallongigitan parolatan lingvon................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu la idiomojn de la lingvo ...........................................................* | ..Ne ekzistas |
| *Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn al viaj demandoj............* | ..Unu monda lingvo |

*Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon?* rspring@tpg.com.au



# El Melburno

Je la Novjaro en vietnama restoracio de la centro de la urbo sep melburnanoj renkontis francan esperantiston, Laurent Ramette, kune kun lia koramikino kaj filino, kaj novbakitan esperantiston el Ballarat. Li eklernis la lingvon pere de Duolingo kaj malnova lernolibro la antaŭan semajnon. Marcel kunportis branĉon de arbo kun belaj ruĝaj floroj, kiun li nomis "kafir" kaj klarigis la devenon de tiu nomo. Ni esperas revidi ambaŭ niajn gastojn estonte kaj sukceson al la kuraĝa komencanto. *Franciska Toubale*